

# juna amiko

INTERNACIA ESPERANTO-REVUO DE
POR LERNEJANOJ KAJ KOMENCANTOJ

ILEI

MARTO 1997

N-ro 1 (80)

## Pri la lingv'aĵo kaj ortografio[1] de juna amiko

Sen pied'notoj ni uzas nur la plej oftajn 1237 vort'radikojn. Tiu ĉi vort'ar'eto: ***Esperanto, Minimum szótár*** aperis en 1995, kaj estas aĉet'ebla ĉe la libro-servo de UEA kaj HEA.

**Krom-signoj**, kiuj helpas komenc'antojn:

**Divido-streko (-)** trov'iĝas inter la elementoj de vort'kunmetoj, kiam ne mankas fin'aĵo, ekzemple: tablo-tuko, el-iri ...

**Vertikala strek'eto (')** signas mankon de finaĵo: bild'karto, verd'iĝi ...

Kiam io helpas la re-konon, kiel ekzemple: tuttaga (tt) aŭ la vorto re-venas en la sama artikolo aŭ kiam la vorto estas tre kon'ata jam por komencanto (esperantisto, patrino), ni ne uzas la krom-signojn.

Ni ofte uzas komojn (,). Per tio ni deziras helpi komencantojn.

1. regularo de la ĝusta skribo

☺

***Sur la titolpaĝo: Melinda Sántha, lernantino en Gimnazio J.Bányai, unu el niaj grafikistoj, prezentas al la amikinoj sian ĵus akir'itan ŝtatan diplomon pri Esperanto***

***Foto: János Zöldi Kovács***

# Saluton,



**KARA AMIKO, ĈU JUNA, ĈU NEJUNA!**

Ne multaj personoj havis la feliĉon re-far'iĝi redaktoro[1] de gazeto, kiun ili lanĉis[2] iam, antaŭ longa tempo.

**ANTAŬ 25 JAROJ APERIS LA PROV'NUMERO**
de *Juna amiko* dank' al la helpo de bona germana amiko, *Uwe Joachim Moritz,* kiu forte apogis mian ideon el-doni revuon[3] por la lern'ej'anoj; dank' al la tiama estr'aro de HEA (Hungara Esperanto-Asocio), kiu financis[4] la gazeton en la unuaj jaroj. Pri ĉio ĉi vi povos legi en la decembra numero, kiam ni havos post ni precize 25 jarojn.

**NI ŜULDAS DANKON AL LA REDAKTOROJ**
nome al s-roj *Oldřich Knichal* kaj *Stefan MacGill.* Sen ilia sin-dona agado *Juna amiko* antaŭ-longe mortus.

**DANKON MERITAS LA ESTRARO DE ILEI**
kiu de longe el-spezas grandan sumon por nia revuo. Ĝi zorgas pri *Juna amiko* kiel pri sia infano.

**NI KORE DANKAS LA PER'ANTOJN**
sen kies ag'emo la gazeto ne povus al-iri al multaj leg'antoj.

**PLEJ GRANDAN MERITON TAMEN HAVAS VI,**
kara leganto, kiu abonas kaj legas nian revuon, solvas ĝiajn enigmojn[5], skribas vian opinion pri artikoloj, proponas[6] temojn, sendas informojn k.t.p. (kaj tiel plu). TUT'KORAN DANKON!
Mi esperas, ke via rilato al la revuo perdos nenion el sia intimeco[7], male, ĝi plue fortikiĝos.
Mi deziras ties plen'um'iĝon.

*Geza Kurucz*
redaktoro

PIED'NOTOJ sur la paĝo 3

# KION CELAS LA REDAKTORO?

## TION, KE VI TROVU INTERESAJN LEGAĴOJN

### *(Mal)nova redaktoro*

Nova redaktoro ĉiam volas renversi la tradicion[8]. Ankaŭ mi ne estas escepto[9]. Tamen ne forgesu, ke mi estas sam'tempe malnova, la plej malnova redaktoro de *Juna amiko,* sekve **vi trovos** en la revu'eto kelkajn **ŝanĝojn**, kiuj re-iras al la **malnovaj** formoj. Dum iuj malnovaj formoj re-venas, aperas **novaj** rubrikoj[10] kaj, fine, kelkaj trajtoj[11] restas **sen-ŝanĝaj**.

### *Malnovaj tradicioj*

— Ni re-venas al redakt'ist'aro mult'nombra kaj internacia laŭ sia konsisto.

— Re-aperos iamaj rubrikoj kiel, ekzemple, LANDOJ DE LA MONDO. Vi denove trovos – plej ofte sur la lasta paĝo – ŝercojn ilustr'itajn[12]. Neniam mankos literaturaj verketoj k.a. (kaj aliaj)

— Nian lingvaĵon denove kontrolas el-stara esperantisto, *d-ro André Albault,* prezid'into de la Akademio de Esperanto tra longaj jaroj.

— Revenas multaj belaj emblemoj[13] (la verkoj de nia svisa amiko, *I. Mórocz*), kiuj tra jaroj bone servis kaj donis apartan, al-tiran trajton al la revuo.

### *Novaj trajtoj*

— Ni intencas malfermi novajn konstantajn rubrikojn: NATUR'PROTEKT'ADO, NOVAĴOJ POR INSTRUISTOJ/KURS'GVIDANTOJ, INFORMATIKO.

— Ni uzas pli da koloroj, provas doni al la revuo pli plaĉan aspekton.

— Ni preferas mallongajn tekstojn[14]. Ni konscias, ke komencantoj ne volonte legas longajn rakontojn, lingve malfacilajn taskojn.

— Ni invitas ĉiun redakti la revuon per interesaj kaj gravaj kontribuaĵoj.

### *Restas sen-ŝanĝe*

— La revuo ĉiam havos specialan ĉef'temon.

— Sen pied'notoj ni uzos nur la plej oftajn vort'radikojn.

— Ni konservos la nunan reton de per'antoj. Ĝi funkcias tre bone.

— Ni plu aktiv'igos[15] la legantojn per diversaj konkursoj, enigmoj.

— La redakcio[16] faros ĉion por bone informi pri aktualaj okaz'aĵoj, renkont'iĝoj, kun-venoj por junuloj kaj komenc'antoj.

1. homo, kiu faras gazeton; 2. komenci, el-ir'igi 3. ne-ĉiu-taga gazeto kun bildoj; 4. pagi la kostojn; 5. interesa tasko ne-facile solvebla; 6. prezenti ion far'indan; 7. proksima amika rilato; 8. malnova opinio, kutimo kiu fariĝis ĝenerala; 9. io ne-kutima, ne-ĝenerala; 10. temo-fako en gazeto; 11. eco de karaktero; 12. ilustri: bilde prezenti rakonton; 13. distinga insigno de fako, ideo; 14. skribaĵo plimalpli longa 15. igi iun ag'ema por io; 16. redakt'ist'aro

ĈEF'LANDO DE ESPERANTUJO[1]
EN 1997

# Aŭstralio

## *Lando grandega kaj tre varia*[2]

Aŭstralio proponas[3] al la vizit'antoj ĉion eblan por tikli la sci'vol'emon. Krom la fama oper'domo[4] en *Sidnejo* (Sydney), kanguruoj[5], emuoj[5] kaj kaoloj[5], la roko de *Ayer* kaj la aŭto-konkurs'ejo[6] de *Adelajdo* (Adelaide, ek-de 1996 en Melbourne) estas ne-taks'ebla fonto de vid'ind'aĵoj kaj spertoj.

### *Geografio*[7]

Antaŭ ol plani vojaĝon tra Aŭstralio, necesas scii iom pri ĝia geografio. Aŭstralio, la plej malgranda kontinento, troviĝas inter la *Hinda* kaj *Pacifika oceanoj*[8]. De oriento ĝis okcidento ĝi estas 3.860 kilometrojn longa, de nordo ĝis sudo, inkluzive[9] de la insulo *Tasmanio,* ĝi estas 3.220 kilometrojn larĝa. La kontinento en-havas 7.686.801 kvadratajn kilometrojn kaj la loĝ'ant'aro — plej-parte en urboj — nun nombras 18.238.600 homojn. La ĉef'urbo de la federacio[10] de ŝtatoj estas *Kanbero* (Canberra).

Aŭstralio estas grand'parte ebena kaj seka. Pluvas malpli ol 20 centimetroj jare en 70% de la teritorio[11]. La okcidenta parto konsistas el alt'ebenaĵo 305-610 metrojn alta, sed troviĝas ankaŭ montaroj kun pintoj de 1.500 metroj. En la sud'okcidenta angulo de la kontinento troviĝas malgranda frukto-dona malseka regiono, sed la cetera parto de la ŝtato Okcidenta Aŭstralio estas sen-akva kun vastaj dezertoj. La Norda Teritorio havas tropikan klimaton[12] kaj sekan vintron. Plej norde situas[13] *Arnhem-lando,* kie loĝas precipe indiĝenaj[14] popoloj de Aŭstralio. Oriente de la *Karpentaria golfo*[15], sur la *Jorkkaba duon-insulo* kreskas pluv-arbaro kaj en la oceano, laŭ la nordorienta mar-bordo etendiĝas la plejgran-



Jen ĉarma koalo

da rif'baro[16] de la mondo. Monto *Kosiusko* (2231 m), sud'oriente, estas la

plej alta pinto en Aŭstralio. La riveroj de tiu ĉi regiono estas multe uz'ataj por irigacio[17] kaj akvo-elektra energio. Pro granda distanco ĝis aliaj kontinentoj, Aŭstralio havas multajn distingajn[18] planto-specojn — not'inda estas la grandega *eŭkalipto* — besto- kaj birdo-specojn.

## *Reg'ist'aro kaj ekonomio*[19]

Aŭstralio estas demokratia[20] lando el ses ŝtatoj (kiuj formis federacion en 1911) kaj du teritorioj. La lando estas tre industriig'ita kaj preskaŭ du tri'onoj de la tuta produkto-valoro konsistas el fabrik'itaj varoj[21]. Aŭstralio estas unu el la plej grandaj komercaj nacioj. Ni eksportas[22] multe da lano, viando kaj tritiko. Gravaj estas en nia ekonomio la tropikaj kaj subtropikaj produktoj: citronecaj fruktoj, suker'kano, vin'beroj. En la orienta kaj suda partoj de Aŭstralio kelkaj okupiĝas pri ligno-segado. La lando havas valorajn mineral'trovejojn, tiujn de karbo, fero, baŭksito, uranio kaj oro.

## *Historio*

La indiĝenaj grupoj, nom'ataj Aborigenoj, en-migris[23] — oni-dire — antaŭ pli ol 20 mil jaroj el Sud'orienta Azio. Ili dis-vast'iĝis tra la tuta kontinento kaj restis izol'itaj ĝis al-venis la eŭrop'anoj. En 1770 kapitano *James Cook* (:Ĝems Kuk) observis[24] la frukto-donan orientan mar'bordon kaj el-ŝip'iĝis en la golfo *Botany Bay* (:Botani Bej). En 1851 oro estis trov'ita en *Victoria* (:Viktoria), kio tuj allogis homojn el multaj landoj al tiu regiono



Ruinoj de historia pun'ejo ĉe Port Arthur, Tasmanio




kaj, poste, ankaŭ al Okcidenta Aŭstralio. Tio rezultigis rapidan progreson de la tuta Aŭstralio.

### Kulturo

De 1965 oni povas konsideri Aŭstralion ne nur kiel blankkulturan, sed kiel mult'kulturan landon, tamen multaj britaj kulturaj trajtoj[25] ankoraŭ superregas, eĉ se kun diferencoj, ekz-e (ekzemple) arkitekturo[26], sporto, teatro, film'arto kaj muziko. Ne nur la lando, sed ĉiu ŝtato fieras pri sia simfonia[27] orkestro[28]; ekzistas ankaŭ operaj kaj baletaj[29] trupoj[30] tre famaj kaj rokgrupoj internacie kon'ataj. Tre popularaj estas jenaj sportistoj: *Kathy Freeman,* aborigena kur'ist'ino; *Shane Warne,* kriketisto[31]; *David Campese,* rugbe'isto[31]; *Greg Norman,* golfisto[31] kaj *Kieran Perkins,* naĝ'isto. Vi certe konas la aktorojn de televida serio[32] *„Neighbours"* (Najbaroj). *Sidney Nolan* kaj *Arthur Boyd,* pentr'istoj; *Sally Morgan,* aborigena verk'ist'ino; *Clive James,* internacie konata televida persono kaj verkisto; *Joan Sutherland,* oper'kantisto kaj *Crocodile Dundee* devas aperi en vasta listo de el-staraj Aŭstraliaj artistoj.

### Esperanto

Esperanto al-venis Aŭstralion jam antaŭ 1905, kiam estis fond'ita la Melburna Esperanto-Societo, kiun gvidis s-ro (sinjoro) *Roberth Booth* (:Bud). En tiu tempo, ŝajne, ĝi estis la plej granda kaj aktiva Esperanto-klubo[32]. En la unua adres'aro de Zamenhof aperis du nomoj Aŭstraliaj, kies nom-

bro ĝis 1909 atingis 100 en diversaj adresaroj. Inter-tempe la Esperanto-movado havis kelkajn elstarajn instruistojn, kiel ekzemple s-ron *Kenneth G. Linton* (:Kened Linton), s-inon *Winsome Greenhalgh* (:Vinsom Grinhalg), d-ron *Tim Einihovici* (:Tim Ajnihoviĉi), s-inon *Marjorie Duncan* (:Marĝori Dankn) kaj s-ron *Arthur Cocking* (:Ardr Koking).

Hodiaŭ estas mond'vaste konataj: s-ro *Ralph Harry* (:Ralf Hari), antaŭa ambasadoro[34] ĉe UN (Organizo de Unu'iĝ'intaj Nacioj), por-paca aktivisto, tradukisto kaj verkisto; s-ino *Vera Payne* (:Vera Pejn), instruisto kaj recenzisto[35] ; d-ro *Donald Broadribb* (:Donald Brodrib), akademi'ano, verkisto kaj traduk'isto; s-ro *Trevor Steele* (:Trevor Stil), instruisto kaj verkisto en la lingvoj angla, germana kaj Esperanto kaj s-ro *Max Wearing* (:Maks Vering), direktoro[36] de Esperanto-Somer'lernejo en Adelajdo, s-ro *Kep Enderby* (:Kep Endebi), prezid'anto de AEA, prokuroro[37] de la antaŭa reg'istaro.

Dum la jaroj ni havis multajn landajn kongresojn, sed neniam UK (Universalan Kongreson) ĝis la jaro 1997, kiam okazos la 82-a UK de Esperanto en Adelajdo, Suda Aŭstralio. Ni atendas pli ol mil partoprenontojn el 50 landoj. Kaj ĉu vi? Atendas vin tre amika Aŭstralia etoso[38]!

***S-ino Jennifer Bishop***
*Melburno*

## PROVERBOJ[39]

Fremdan vundon kaŝas vesto.
Kiu bone agas, timi ne bezonas.
El malplena telero vane ĉerpas kulero.
Rapide iras la vortoj, sed ne rapide la faroj.
Feliĉo venas gute, malfeliĉo venas flue.
Kiu ĉasas du leporojn, kaptas neniun.
Post domaĝo venas saĝo.

1. imag'ita lando de la esperantistaro; 2. ne simila al aliaj; 3. prezenti al ies juĝo; 4. opero: muzika teatraĵo; 5. speco de mam'bestoj; 6. konkursi: inter-mezuri kapablojn; 7. scienco kiu pri-skribas diversajn regionojn de la Tero; 8. mar'ego; 9. en-hav'ante en si; 10. grup'iĝo de ŝtatoj; 11. ter'supraĵo de la lando; 12. tuto de la veteraj kondiĉoj de iu regiono; 13. situi: geografie troviĝi; 14. indiĝeno: pra-loĝ'anto de iu regiono; 15. parto de maro, en-tanĉaĵo en kontinento; 16. rifo: sub-mara roko, kiu preskaŭ atingas la akvo-supraĵon; 17. akv'umi; 18. apart'iga; 19. mastr'um'ado de ŝtato; 20. demokratio: socia sistemo kun politika povo de la popolo; 21. komercaĵo, pro dukto; 22. el-porti al ekster-lando; 23. en-veni el alia lando, regiono; 24. rigardi kun granda atento; 25. eco de karaktero; 26. konstru'arto; 27. granda muzika verko por orkestro; 28. aro de muzikistoj kiuj ludas diversajn muzikilojn sub unu estro; 29. danca verko por teatro; 30. tuto de artistoj de teatro; 31. speco de sport'ludo; 32. aro da epizodoj de longa televida verko; 33. societo da personoj kun sama intereso; 34. reprezent'anto de ŝtato en ali'landa ŝtato aŭ organizaĵo; 35. recenzo: mallonga kritika raporto pri verko; 36. lernej'estro; 37. spirita, anima stato, ĉe kiu io okazas; 38.supera juĝs oficisto kiu akuzas; 39. mallonga saĝa diraĵo

*Benita KÄRT*[1]

## VIVU LA VIVO!

Kiom mi ŝatas printempan ĉarm'econ,
kiam la sun' ek-radias varm'econ,
ĝojas pri ĝi kaj la homo kaj besto,
ĉiu arb'eto en verda freŝ'vesto.

Kiom mi ŝatas printempan promenon:
ĉiu herb'eto rakontas fabelon,
suno el-pelas loĝ'antojn el domoj,
ĝojas infanoj kaj plen'kreskaj homoj.

Venu, amikoj, kun mi al kamparo,
ĝuu ni belon de kamp' kaj arbaro,
pensojn malgajajn kaj zorgojn forgesu!
Vivu la vivo! Ĝi ĉiam progresu!

1. Fama esperantistino estona

# AM'DEKLARO[1]

„Mi amas vin ..."
*„Sed mi estas malriĉa."*
„Pardonu, vi ne lasis min el-paroli ĝis la fino ... Mi amas vin ne tiom por edz-iĝi al vi ..."
*„Ha-ha-ha! Mi volis nur el-provi vin. Mi havas grandegan kapitalon[2]."*
„Pardonu, vi tamen ne lasis min fini ... Mi amas vin ne tiom por edziĝi al vi pro via mono."



1. daklari: publike sciigi; 2. granda mon'sumo.

# IOM da MATEMATIKO

Rubriko[1] de
Josef Chvosta
Dr.Horákové 16.268
CZ-29001 PODĚBRADY
Ĉeĥa Respubliko

## LA 30-UMA NOMBRO-SISTEMO[2]

La decimala aŭ dek-uma nombrosistemo konsistas el 10 ciferoj: 1, 2, 3, 4, 5, 6, 7, 8, 9, 0. La tridekuma, evidente, havas 30 diversajn ciferojn, sed ni havas nur dek en nia decimala sistemo. Anstataŭ la kon'ataj arabaj ciferoj, kiujn ni vidas supre, ni povas uzi literojn en la rolo de ciferoj (vidu por ekzemplo la romiajn ciferojn: I, V, L, C, M). Ni prenu nun la alfabeton[3] de Esperanto kiu, vi certe scias, konsistas el 28 literoj. Ni al-donu du fremdajn literojn: X, Y. Tiel ni havas 30 diversajn signojn. Vidu, dekstre, ni skribis la literojn laŭ-vice unu sub la alia kaj apude ni donis ilian valoron en decimala sistemo. A = 1, B = 2, C = 3, Ĉ = 4, ktp. (=kaj tiel plu). Litero H estas jam du-cifera nombro: 10, simile Ĥ egalas 11, ktp. Fine X = 29. Sekvas 30, por kiu ne sufiĉas Y (kiel por 10 ne sufiĉas unu cifero en la decimala sistemo), oni *devas ĝin signi* per AY.

Vi vidis, do, ke Y valoras kiel 0 en la decimala sistemo.

Jen estas la esenco[4] de la tridekuma nombrosistemo.

Por plua komparado: AA = 31, AB = 32, AC = 33 ... ĝis nia nuna dato: 1997.03.15 = BEM.C.K.

Kaj nun estas via tasko skribi la don'otajn jarojn en decimala sistemo kaj, poste, aldoni, kio grava okazis tiam en la historio. Iom spertaj eble povas klar'igi, kion signifas minus en la lasta okazo. Jen la datoj:

| | | | |
|---|---|---|---|
| **APO/APS** | **BCT/BCZ** | **BĈO/BĈU** | **AŜZ/ATZ** |
| **AXO** | **BDĤ** | **BCE** | **minus UU** |

Sendu viajn solvojn ĝis la apero de la nova numero de *Juna amiko* (junio 1997) rekte al la adreso de *Josef Chvosta* (vidu ĝin supre). Li rekompencos[5] ĉiun solv'inton per esperant'aĵoj, belaj bild'kartoj kaj interesaj informoj.

| | | |
|---|---|---|
| **A** | = | **1** |
| **B** | = | **2** |
| **C** | = | **3** |
| **Ĉ** | = | **4** |
| **D** | = | **5** |
| **E** | = | **6** |
| **F** | = | **7** |
| **G** | = | **8** |
| **Ĝ** | = | **9** |
| **H** | = | **10** |
| **Ĥ** | = | **11** |
| **I** | = | **12** |
| **J** | = | **13** |
| **Ĵ** | = | **14** |
| **K** | = | **15** |
| **L** | = | **16** |
| **M** | = | **17** |
| **N** | = | **18** |
| **O** | = | **19** |
| **P** | = | **20** |
| **R** | = | **21** |
| **S** | = | **22** |
| **Ŝ** | = | **23** |
| **T** | = | **24** |
| **U** | = | **25** |
| **Ŭ** | = | **26** |
| **V** | = | **27** |
| **Z** | = | **28** |
| **X** | = | **29** |
| **Y** | = | **0** |

1. parto en gazeto por iu temo; 2. elekt'ita ord'aranĝo de aferoj (ĉi tie: nombroj); 3. aboco; 4. la plej grava elemento en iu afero; 5. sendi premion kontraŭ ĝusta solvo

# LiberTEMPO




Kara leg'anto, jen instrua bild'aro. Se vi re-agos pozitive, de tempo al tempo ni aperigos similajn, kiam ni disponos[1] pri libera spaco. Ĉiu bild'eto donas eblon ekzerc-iĝi pri la vortoj kaj esprimoj. Gravas, ke ili aperu en frazoj[2]. La infanoj povas ricevi nomojn, eble tiujn de viaj proksim-uloj. Tio povas iĝi bon-humoron al la ekzer-coj. Ne forgesu, ke por fiksi vorton en la me-moro, ne-cesas ri-peti ĝin per ĉirkaŭ dek ekzemploj. Ni deziras agrablan amuz'iĝon.

1 havi kun iu celo
2 penso-unuo




LUD'ANTE LERNU LA ĈEFAJN PARTOJN DE LA

# HOMA KORPO

** El-tondu tiom da „korpoj", kiom da lernantoj vi havas.*
** La ludo bezonas ĵet'kubon.*

Rimarko. Pro manko de sufiĉa spaco la korpo-partoj estas malgrand'ig'itaj. Por la ludo ni rekomendas grandigi la mezurojn (per foto-kopiilo 140%).

## REGULARO

❶ **La lud'antoj ĵetas la kubon laŭ-vice.**
❷ **Ĉiu-foje, kiam ludanto ĵetas „ses"-on, li/ŝi rajtas preni korpoparton dir'ante: *Mi deziras / prenas brakon / kolon ...* . Se iu forgesas la frazon, la seso ne plu valoras.**
❸ **Venkas tiu, kiu hav'igas al si la tutan korpon.**

(Ĉe multaj ludantoj ni rekomendas ludi teame[1]. Ĉiu teamo konstruas nur unu korpon.)

La nomojn oni povas skribi sur la pecoj. Komence ili estu vid'eblaj. Sed poste nur la muta flanko estu videbla. La ludantoj devas memori la nomojn.




1. grupo da ludantoj kiuj formas unu tuton

*S-ino Monique Noel*

# VINTRO

## CIGANA[1] FABELO[2]

Iam vivis mal-riĉa cigano. Li loĝis kun sia edzino en kaduka[3] domaĉo ĉe la fino de la vilaĝo. La cigano dungis[4] sin por tag'laboroj. Li havis ŝtrumpon, en kiu li kolektis la monon.

Kaj kiam li havis da ĝi sufiĉe, li diris al la edzino:

— Donu al neniu ĉi tiun monon. Ĝi estas por vintro!

— Estas en ordo.

Post kelka tempo, kiam la edzo ne estis hejme, iu frapis sur la pordo.

— En-iru! — kri'permesis la edzino.

Eniris mal-jun'ulo, kiu havis blankan barbon.

— Kiu vi estas? — demandis la edzino.

— Mi estas Vintro.

— Vintro?! Kaj ĉu vi venis por la mono?

— Pri kia mono vi parolas?

— La edzo ordonis al mi, ke la monon, kiun li rezervis[5], mi donu al neniu krom la Vintro.

— Nu, vi povas do trans-doni ĝin, ĉar mi estas la Vintro.

Kaj la malriĉa virino donis al li la monon. La maljunulo en-poŝ'igis ĝin kaj subite mal-aperis.

Kiam la cigano re-venis hejmen, la edzino sciigis al li kun ĝojo:

— Vizitis nin la Vintro kaj mi donis al li la monon!

— Pri kia vintro vi parolas, ja estas ankoraŭ somero. Ho, Trezi, mort-



## Pet' preĝo de la arbaro

**Pas'anto, kiu preter-iras min, ne levu la manon kontraŭ min!**

**Mi estas la varmo de via fajr'ujo dum mal-varmaj vintraj noktoj,**

**mi estas la tegmento de via verando[1] , en kies ombro vi rifuĝas de varmega sun'brilo kaj mia frukto estimgas vian soifon.**

**Mi estas trabo, kiu sub-tenas vian domon, plato de via tablo,**

**mi estas la lito, en kiu vi sat'ripozas,**

**la tabulo, el kiu vi konstruas boaton[2].**

**Mi estas la pordo de via domo,**

**ligno de via lul'ilo[3], kovrilo por via ĉerko[4].**

**Pasanto, kiu preteriras min, aŭskultu mian peton:**

**NE DETRUU MIN!**

*El la hungara tradukis: **Nora Seres***

1. tegment'ita duon'fermita ejo de domo; 2. naĝ'veturilo por 2-3 personoj; 3. lit'eto por infaneto; 4. mort'int'ujo

ig'aĉu vin Dio, ĉu tiel mal-saĝ'ega vi estas?!

La ciganino ek-ploris.

— Nu, ĉesu, ne ploru! — diris la edzo. — Sed ĉu vi scias, kio de nun okazos?

— Kio?

— De nun ankaŭ vi laboros kiel mi!

La edzino promesis, venu ia ajn Vintro, monon ŝi ne donos al li.

1. cigano: popolo sen patrujo, ĝi de-venas el Hindio; 2. rakonto ĉefe por infanoj; 3. malnov'ega, maljunega; 4. havigi ies servon kontraŭ mono; 5. konservi por alia tempo

**juna amiko**
aperas kvar-foje jare

### Abon'prezoj por 1997

*Tarifo-zono 1:*

| | 1 ekz | 2-9 | 10< |
|---|---|---|---|
| NLG | 19 | 15 | 10 |
| SEK | 85 | 65 | 45 |
| FRF | 55 | 45 | 30 |
| GBP | 7 | 5.5 | 4 |
| DM | 17 | 13 | 9 |
| USD | 12 | 9 | 6 |

*Tarifo-zono 2: Latin'ameriko*

| | | | |
|---|---|---|---|
| NLG | 9 | 7 | 5 |
| USD | 6 | 4.5 | 3 |

*Tarifo-zono 3: Rusio, ktp.*

| | | | |
|---|---|---|---|
| DM | 6 | 4.5 | 3.5 |
| USD | 5 | 4 | 3 |
| NLG | 7 | 5.5 | 4 |
| HUF | 600 | 450 | 350 |
| IRK | 7 | 5 | 4 |

*Tarifo-zono 4: Najbaroj*

| | | | |
|---|---|---|---|
| DM | 4.5 | 3.5 | 2.5 |
| USD | 3.5 | 3 | 2 |
| NLG | 5 | 4 | 3 |
| HUF | 450 | 350 | 250 |
| IRK | 5 | 4 | 3 |

*Tarifo-zono 5: Hungario*

| | | | |
|---|---|---|---|
| HUF | 360 | 280 | 220 |

*Hungara peranto:*
Monika Molnár
Ságvári u. 21.
H-9735 CSEPREG

Pli ol 20 ekz. al unu adreso, petu pli grandan rabaton!

☺

**Pri problemoj de abonoj turnu vin al:**

**juna amiko**
Pf.193.
**H-1368 BUDAPEST**
Hungario

## DEMANDOJ HUMORAJ



❶ Floro, kiu parolas. Kio estas tio?
❷ Tuko, kiun oni povas manĝi. Kio estas tio?
❸ Kiu ĝin vidas, tiu nenion vidas. Kio estas tio?
❹ Iras sen piedoj, batas sen mano. Kio estas tio?
❺ Konas neniun lingvon, tamen parolas ĉiun lingvon. Kio estas tio?
❻ Urbo, en kiu loĝas eĉ ne unu homo, sed nur semoj. Kio estas tio?
❼ Ju pli ĝi malkreskas antaŭe, des pli ĝi kreskas malantaŭe. Kio estas tio?
❽ Varma, kiam estas malvarme; malvarma, kiam estas varme. Kio estas tio?
❾ Ĵet'ate verda, fal'inte ruĝa. Kio estas tio?

## RESPONDOJ SERIOZAJ

## LA ARBARA DOKTORO

Se en arbar' ek-malsanas frakseno[1],
pino[1] aŭ kverko[1] jam tuj, de mateno,
venas doktoro en ruĝa bireto[2]:
ŝelon[3] de arbo esploras beketo.
Tute sen-paga kuraco kaj flego.
Dankon al kiu adresi?
Al pego!

*Ludmila Jevsejeva*

1. arbara arbo-speco; 2. ĉapo kun kvadrata supro; 3. kio kovras la trunkon de arbo

## Novaĵoj

● La 53-a Internacia Junulara Kongreso (24-31 julio 1997) okazos en Assisi. Ĝi situas[1] en la centra regiono de Italio. La partoprenantojn gast'igos Hotelo[2] „Cenacolo Francescano" je du kilometroj de la urbo-centro.

● Aperis nova el-dono de Pasporta Servo[3] de TEJO[4]. La libro en-havas la adreson de preskaŭ mil homoj pretaj gastigi sen-page esperantistajn vojaĝ'antojn. Oni povas mendi la libron ĉe la landaj sekcioj[5] aŭ bonaj libro-servoj.

1. geografie trov'iĝi; 2. domo kun ĉambroj por gastoj, turistoj; 3. amika loĝ'iga servo por ge-junuloj esperantistaj; 4. Tut'monda Esperantista Junulara Organizo; 5. organizaĵo kiu apartenas al alia, tegmenta organizaĵo; 6. aktiva: ag'ema

---

Ni tut'kore gratulas. **Infanoj Ĉirkaŭ La Mondo** (IĈLM) havas post si 10 jarojn. Ni aparte gratulas s-inon *Charlotte KOHRS,* kiu estas la prezid'anto kaj la patrino de IĈLM. Nun ŝi estas malsana. Ni ĉiuj deziras al ŝi baldaŭan re-san'iĝon kaj re-aktiv'iĝon[6]. Eble ankaŭ vi povas helpi, ĉu ne? Desegnu, kiel vi resaniĝis, kiam vi estis malsana. Aŭ skribu leteron kaj donu al ŝi konsilojn. Sendu al ŝi kanton, kiun vi ellernis lasta-tempe kaj kiu gaj'igis vin. Jen ŝia adreso: *Charlotte Kohrs,* 3876 Belmont Avenue, San Diego, California 92116, Usono.




Ĉu vi ne forgesis bon'deziri al viaj ekster-landaj leter-amikoj? Ni esperas, ke vi ne forgesis: vivas ĉe ni bela tradicio, ke la lasta plena semajno de februaro estas **Semajno de Internacia Amikeco**. Se vi forgesis pri tio, skribu tuj, kaj salutu ĉiujn viajn geamikojn esperantistajn. Per tio vi kaŭzos al ili grandan ĝojon kaj kial ne ĝoj'igi amikojn?

# ĈU VI SCIAS, KE ...

El la kolekt'aĵo de Z. Kurucz

En la komenco de nia jar'cento la Nov-Jorka Societo de Virinoj komencis akran batalon, preskaŭ krucan milit'iron kontraŭ kis'ado. Laŭ la prezid'ant'ino de la Societo la kisado estas barbara[1] kutimo kaj malutila por la sano. Estas necese senprokraste[2] ĉes'igi ĝin. Kiu, malgraŭ la averto, ne povas kontraŭ-stari, tiu nepre gargaru[3] la buŝon antaŭ ol inter-kisadi.





Multaj opinias, ke la tablo-teniso (=ping-pongo), tre popularа[4] sporto de la 20-a jarcento de-venas el Ĉinio. Ne, la fond'into estas brito *James Gibb* (:Ĝemz Gib), kiu el-pensis la salteman pilk'eton el celuloido[5]. La rakedo[6] estis el ligno kun teg'aĵo[7] el pergameno[8]. La sporto furore[9] dis-vast'iĝis tra la mondo. La unuan landan ĉampion'econ[10] pri tabloteniso oni okazigis en Hungario.

1. mal kler'ega. 2. prokrasti: trans-meti al posta tempo; 3. tra-lavi; 4. simpl'ega; 5. materialo el kiu oni faras, ekzemple, filmon; 6. pilko-bat'ilo; 7. io, kio firme kovras la supr'aĵon; 8. sen har'igita ŝafo-felo; 9. kun tre granda sukceso; 10. sport'konkurso; 11. ujego el ligno por vino, ekzemple; 12. movi sin lerte, eviti barojn; 13. danĝeraj sub akvaj rokoj; 14. mola materialo, el kiu oni faras kandelon; 15. kuraĝ'ega; 16. tasko, kiun oni prenis sur sin

*Kuraĝ'ega 43-jar'aĝa instru'istino* Annie Edson Taylor *(:Eni Edzon Teilor) en 1901, sid'ante en barelo[11] manovris[12] inter rifoj[13] de* Niagaro *kaj fal'egis prufunden kune kun la akvofalo. Ŝi havis bon'ŝancon kaj ne mortis. Hodiaŭ ŝia figuro el vakso[14] memorigas pri la aŭdaca[15] entrepreno[16].*



# *Por* Kurs'gvidantoj

**Al tiu ĉi rubriko ni ne donas piednotojn opiniante ke via vorttrezoro jam estas sufiĉe riĉa**

En tiu ĉi rubriko ni donas al instruistoj, kursgvidantoj kaj ankaŭ junuloj — kiuj jam scias multe en kaj pri Esperanto — konsilojn por kontribui al la lingva progreso de la legantoj. Ĉi-foje nia temo estas:

## PARONIMOJ

Kio estas paronimoj? Vortoj, kiuj tre similas unu al la alia kaj kiujn, ĝuste pro simileco, estas *malfacile* distingi kaj memor'fiksi. Jen ekzemple kelkaj paronimoj: *sano, suno, sono, sino* (diferencas nur la internaj vokaloj: *a, u, o, i).* Ĉiu scias el propra sperto ke simileco ofte ĝenas en la lernado de vortoj.




Unu el la plej bonaj rimedoj parkerigi ilin kaj samtempe riĉigi la lingvoscion estas konstrui per ili proverbojn, parolturnojn aŭ idiomaĵojn. Ni prenu, ekz-e, la konsonant'paron:

**f•l**

kaj intermetu vokalojn por ricevi sencohavajn Esperantajn vortojn:

**fal**/i, **fel**/o, **fil**/o, **fol**/a, **ful**/i

Plej facile oni povas enkapigi ilin per proverboj, ekzemple. (Tiu maniero povas kontribui al la riĉiĝo de la vorttrezoro, kio estas tre grava por instruistoj aŭ kursgvidantoj.)

Kiel iri laŭ-paŝe al la celo?

*Ekzemplo: Jen nia konata **f•l***

1. Frukto ne (• = a) malproksima, arbo
2. bovo, du (• = e) de-ŝiri
3. (• = i) konfesi, patro, forgesi
4. ebria (• = o) vero, paroli
5. (• = u) ...

*Solvoj:*

1. Frukto ne **falas** malproksime de la arbo.
2. De unu bovo oni du **felojn** ne deŝiras.
3. **Filo** konfesis, patro forgesis.
4. Ebria kaj **fola** estas verparola.
5. (Proverbo kun **fuli** ne ekzistas.) Li surmetis surtuton el **fulita** ŝtofo.

Kaj nun ek al laboro!

Konstruu paronimojn kaj trovu proverbojn, parolturnojn aŭ, se tiaj ne ekzistas, konstruu simplajn frazojn por memorfiksi ilin:

*Tri'vokala paronimeco:*

k•rb, p•ŝ, l•n, p•l, v•n, kr•m, fl•k ...

*Kvar'vokala paronimeco:*

v•nd, p•t, v•rt, v•st, m•r, st•l ...

*Kvin'vokala paronimeco:*

p•p, k•l, r•b, tr•, b•r, •l, s•k ...

Kolektu al ĉiu vortgrupo novajn ekzemplojn kun ĉiuj eblaj vokaloj.

(Vi trovas kelkajn sur la paĝo 23)

*Till Dahlenburg, Germanio*

LINGVO INSTRU ADO

# EN FINNLANDO

*Finnlando aŭ Suomio estas lando malgranda laŭ la nombro de sia loĝ'ant'aro (pli ol 5 milionoj da homoj) en Norda Eŭropo. Ĵus ĝi fariĝis membro de EU (Eŭropa Unio) kaj havas problemojn pro la finna lingvo, kiu apartenas ne al la hind[1]-eŭropa grupo, kiel la ceteraj membro-ŝtatoj de la kontinento[2]. Rakontas al vi s-ino Raita Pyhälä, finnlanda ILEI-estr'ino.*

Finnlando far'iĝis sen-de-penda en la jaro 1917. Antaŭ tiu dato la ***rusa, sveda*** kaj ***germana*** estis gravaj lingvoj en la lernejoj. Granda parto el la finn'landa kler-ul'aro estis sved'lingva. Oni devis do posedi tiun lingvon por vere klerigi sin.

En la 20-aj ĝis 40-aj jaroj la unua fremda lingvo instuata en la lernejoj estis la ***germana.*** (La sveda – la dua oficiala[3] lingvo de nia lando – estis kaj daŭre estas deviga kaj oni ne nomas ĝin *fremda.*)



Nun-tempe la ĉefa fremda lingvo estas la ***angla,*** kiun la infanoj eklernas en la aĝo de 10 jaroj. Sed ... ne ĉiuj klas'instruistoj estas prepar'itaj por instrui lingvon. Est'iĝas grandaj diferencoj en la lingvo-scio jam dum la unuaj du lerno-jaroj.

Jen kial oni penas pli-bon'igi la situacion[4] per pluraj rimedoj: angla-lingvaj infan'ĝardenoj, t.n. (tiel nom'ataj) lingvo-banoj, angla'lingvaj klasoj en baz'lernejoj kaj gimnazioj[5], anglalingvaj liceoj[5], ferioj[6] aŭ semestroj[7] ekster-landaj je granda kosto. Malgraŭ ĉio, kelkaj lernantoj malamas ĉiujn fremdajn lingvojn.

En Finnlando oni ne plu vizitas liceon (aĝo 16-18) laŭ la sistemo[8]: unu klaso en unu jaro. Lice'anoj povas progresi pli aŭ malpli rapide laŭ siaj kapabloj kaj diligenteco. Kion oni antaŭe lernis en 3 jaroj, oni nun povas studi en 2 ĝis 4 jaroj. Ili mem elektas siajn kursojn laŭ-plaĉe. Evident'iĝas, ke iuj evitas la kursojn de la sveda kaj angla, sen kiuj oni tamen ne rajtas abiturient'iĝi[9].

Multaj lingvo-ŝat'antoj preferus lerni la germanan, francan, rusan, hispanan aŭ iun alian lingvon anstataŭ la deviga sveda. (En nia lando por svedlingvanoj la finna estas deviga kaj malfacila stud'objekto.) La tempo kaj la rimedoj ne sufiĉas por tiom da elektoj.

Esperanto-Ligo de Finnlandaj Instruistoj esperas, ke oni baldaŭ re-konos la valoron de la Internacia Lingvo.

1. hindo: popolo en Sud'orienta Azio; 2. mondo-parto; 3. rajt'ig'ita de ŝtato; 4. tuto de la kondiĉoj; 5. speco de mez'grada lernejo; 6. liber'tempo; 7. duon'jaro; 8. ord'aranĝo; 9. fermi mezlernejajn studojn per ekzameno.

# El NIA HISTORIO



## ĈU ESPERANTO ESTAS BEZONA?

***Ĉu Esperanto estas la unua provo pri lingvo internacia?***

Ne, tute ne. La ideo mem estas preskaŭ sam'aĝa kun la hom'aro. Tamen la revo[1] est'iĝis vera bezono nur kiam la internaciaj kontaktoj[2] far'iĝis tre oftaj kaj multe-nombraj. Antaŭ la apero de Esperanto (1887) ekzistis multaj lingvo-projektoj[3]. La plej kon'ata el ili estis *Volapük*, kiu ĉirkaŭ 1887 havis sian flor'tempon.

***Kial oni volas arte krei novan lingvon? Eĉ sen tio ekzistas multaj lingvoj, ĉu ne? Kial ne elekti iun el ili?***

Oni ofte metas tiun demandon. Nu, fakte, la homaro parolas en pli ol 3000 lingvoj. Por kompreni, kial oni rifuzas[4] tiun solvon, prezentu al vi, ke oni jam elektis iun lingvon el ili. Kio okazos? En kelka tempo la hom'grupo, kies lingvo havas privilegion[5], akiros super-econ antaŭ la ceteraj lingvoj kaj popoloj, kiuj prave protestas kaj rifuzas tian decidon. Demokratio[6] kaj egal'eco tiel ne povas funkcii[7].

***Kiam Zamenhof ek-havis la ideon krei internacian lingvon?***

Li skribis en letero al rusa amiko, ke li decidis krei tian lingvon jam en frua infan'aĝo. En *Białystok* (:Bjalistok), kie li nask'iĝis la 15-an de decembro 1859 kaj kie li vivis preskaŭ 14 jarojn, li vidis inter-batali homojn de diversaj lingvoj kaj nacioj. Tiu-tempe Białystok apartenis al Rusio kaj ĝia loĝ'ant'aro parolis en kvar diversaj lingvoj (rusa, pola, germana, hebrea).

***Ĉu Zamenhof estis lingvisto?***

Li tre ŝatis la lingvojn kaj volis studi lingvo-sciencon, sed la patro dev'igis lin far'iĝi kurac'isto. Kiel gimnazi'ano jam en 1878 li havis sian lingvoprojekton ***Lingwe universala***, kies manuskripton[8] poste la patro for-brul'igis, dum Zamenhof studis medicinon[9] en Moskvo.

*1. imag'aĵo pri io dezir'inda; 2. interrilatoj reciprokaj; 3. pli-malpli preta plano; 4. mal-akcepti; 5. plus-rajto, kiun la plej-multo ne havas; 6. socia ordo, en kiu la politika povo apartenas pere aŭ sen-pere al la popolo; 7. plen'umi, real'igi sian taskon aŭ celon; 8. pres'preta verko; 9. scienco kaj arto pri kurac'ado*

**Baldur Ragnarsson**, Island'ano, el-stara reprezent'anto de la Islanda kaj Esperanta literaturoj; dum ses jaroj estr'ar'ano ĉe UEA[1], prezida'anto de Bel'artaj Konkursoj de UEA dum 12 jaroj, membro de Akademio[2] de Esperanto jam de multaj jaroj.



# Esperanto signifas por mi ...

*Antaŭ preskaŭ kvindek jaroj dekses-jara knabo sidis en tendo[3] malproksime de sia hejmo kaj studis Esperanton post tuttaga laboro. Tiu knabo apartenis al grupo de voj'labor'istoj, kiuj havis la taskon ripari la iom primitivan[4] ŝoseon[5] tra longa valo en Orienta Islando post la vintro. Li sentis sin tiom entiziasma[6] pri tiu nova lingvo, ke li kun-portis la lerno-libron en sia poŝo dum la tago kaj el-prenis ĝin en okazaj paŭzoj[7] por legi kelkajn frazojn[8]. En la tag'meza paŭzo, en la manĝ'ejo li finis la manĝ'adon pli rapide ol la ceteraj, kaj en-kuris sian tendon por daŭr'igi la stud'adon de tiu lingvo, kiu tiel profunde kaptis lian intereson. Per tiu metodo[9] li tre rapide lernis, ĉar kiam oni rigardas ĉiun liberan temp'eton kiel bonan okazon por lerni, oni progresas ja plej eble rapide. Sed neniel tiu knabo povis eĉ ek-imagi, ke tiu lingvo, Esperanto, jam tiam komencis direkti lian vivon al novaj dimensioj[10].*

*Nu, tiu knabo estis mi. En tiu sama somero mi bon'ŝance akiris du jar'kolektojn de la iama revuo[11]* ***Lingvo internacia*** *kaj la faman poem'libron de Antoni Grabowski:* ***El Parnaso[12] de popoloj****, el-don'ita en Varsovio en la jaro 1913. Estis stranga koincido[14]: la sola esperantisto tiam en Orienta Islando, ordinara laboristo sur kamp'ara bieno, mortis en la sama jaro, kiam mi fariĝis esperantisto. Mi neniam renkontis tiun homon, eĉ ne sciis pri lia ekzisto. Mi ek-havis liajn librojn pere de mia patro, kiu aŭdis pri lia esperantist'eco. Kaj tiujn librojn mi elĉerpe[14] legis ek-de la ĉef'artikoloj en* Lingvo internacia *ĝis la recenzoj[15] pri libroj antaŭ-longe forges'itaj, kaj ĉiun poezian[16] tradukon de Grabowski, el kiuj mi lernis la klasikan[17] vers'arton. Tiuj leg'aĵoj faris min esperantisto en la vera senco.*

*Mi estis bon'ŝanca povi konstrui jam plej frue la fundamenton[18] de mia esperantisteco. Tial mi povis plen'fide kaj konstante daŭrigi la konstruadon de mia vivo kiel esperantisto. Tio estas longa historio kaj mi ne raportos[19] pri tio detale[20]. Mi nur diru, ke sen Esperanto mia vivo estus tute alia. Neniam okazis interrompo en la ligo inter mi kaj la internacia lingvo. Esperanto signifas por mi liberon de spirito kaj konscion pri pravo. Mi neniam dubis pri la pravo kaj liber-*

*iga forto de Esperanto. Kaj la lingvo mem estas trezoro[21], ĉe kiu mi ĉiam trovas novajn valorojn. Kaj ne mal-pli nun, kiam mi pli-aĝ'iĝas. Kaj tial mi povas plenfide diri nun: Esperanto signifas por mi daŭre jun'igan forton. Kaj kion pli bonan oni povas havi, kiam akumul'iĝas[22] la jaroj?*

**Baldur Ragnarsson** *(Rejkjaviko)*

1. Universala Esperanto-Asocio: tegmenta organiz'aĵo de la esperantist'aro; 2. supera lingva komitato; 3. por-tempa dom'eto el tolo; 4. simpl'ega; 5. arte-far'ita vojo; 6. flame labor'ema; 7. ne-longa interrompo de laboro; 8. pens'unuo; 9. maniero de instruado kaj lernado; 10. direktoj, viddistancoj; 11. divers'tema gazeto plej ofte kun bildoj; 12. monto en Helen'ujo, resť'ad'ejo de la Muzoj (=di'inoj de la artoj); 13. okaz'aĵoj kiuj pasas sam'tempe; 14. el-ĉerpi: preni ĉion ĝis la lasta guto; 15. mallonga prezento de iu verko en gazeto; 16. versa belliteraturo; 17. rilata al mal-nova grek'latina valora literaturo; 18. la firma bazo de konstru'aĵo; 19. voĉe rakonti al iu, kio okazis; 20. ne forges'ante eĉ pri malgravaj okazaĵoj; 21. amaso da multe-kost'aĵoj; 22. amasigi pli ol sufiĉe

## Ni ofte prezentos junulojn, kiuj atingis laŭd'indan karieron en Esperanto



***Kristiano Borzák*** lernas en la lasta klaso de la Gimnazio F. Deák en Budapeŝto, Hungario. Li ek-studis Esperanton antaŭ kvar jaroj. Post unu jaro li jam partoprenis en la tutlanda Esperanta deklam'konkurso[1] (Pápa) kaj akiris la 3-an lokon. Ankoraŭ en la sama jaro li veturis por unu semajno al la Tutlanda Esperanto-Kun-veno en *Halle*, Germanio. Kelkajn monatojn post la re-veno sekvis la Junulara Semajno-fino en Budapeŝto. La somero trovis lin en IJS[2] (Tata, Hungario). Baldaŭ, post du jaroj da studado, li akiris mez'gradan ŝtatan diplomon pri Esperanto. En Kecskemét, dum la Zamenhof-festo antaŭ publiko li prezentis satiran teatraĵ'eton de *F. Karinthy:* „Diplomato kaj soldato" kun sia amiko, *Petro Füzesi*. Poste sekvis Junulara Semajnofino en la hungara Ĉef'ubro kaj jam la trian fojon deklamkonkurso en Pápa, kie ĉi-foje li far'iĝis la 1-a en sia kategorio. En julio li vojaĝis Pragon por ĝui la etoson[3] de la 81-a UK[4].

Ni deziras al li sukcesojn okaze de la ĉi-someraj ekzamenoj kaj multajn agrablajn tra-viv'aĵojn per kaj en Esperanto. Ni esperas, ke ni ofte renkontos ankoraŭ lian nomon sur la paĝoj de diversaj Esperanto-gazetoj.

1. deklami: prezenti vers'aĵon antaŭ publiko; 2. Internacia Jun'ul'ara Semajno; 3. publika humoro; 4. Universala Kongreso

# KANTU!

## EK-LEV'IĜAS SUN' MATENE

Pola popola kanto

Tradukis *Josef Cink*




Ekleviĝas sun' matene, ros'[1] sek'iĝas for,
Kasja pelas bovojn paŝti[2] dum ĉi[3] frua hor'.

„Kasja, ĉu en domo via estas ia gast',
ke vi tiom frue pelas bovojn al la paŝt'?"

„Ne koncernas vin la gastoj, lasu ilin nur,
mi el-pelas, ĉar ĝi estas por mi la plezur'."

1. matena akv'ero sur herboj, kresk'aĵoj; 2. manĝ'igi bovojn, ŝafojn en herbejo; 3. ĉi tiu

---



### Atenton! Atenton!

Nia revuo ne povas ekzisti sen aparta paĝo por informatiko kaj interreto. Ni serĉas taŭgan personon, kiu en ĉiu numero informus niajn legantojn pri interesaĵoj kaj aktualaj okaz'aĵoj. Se vi estas kompetent'ulo, ne hezitu, helpu nin. Vi trovas nian ret'adreson sur la paĝo 23.

✉ 23-jara studentino de Pedagogia Altlernejo deziras korespondi tut'monde por plu-studi Esperanton. *Kinga Blaskó,* Árpád u. 37., H-6352 Fajsz, Hungario.

✉ 21-jara junulo, kiu interes'iĝas pri literaturo, muziko, Esperanto-instruado, deziras korespondi kun la tuta mondo. Skribu al: *Jose de J. Campos Pacheco,* Calle 10% 29 j 31esd 2908, Friso 3 apt F-6, Pedro Betancourt, CU-Matanzas 42700, Kubo.

✉ Dek naŭ 10 ĝis 16-jaraj geknaboj deziras korespondi kun la tuta mondo. Skribu al: Infana Esperanto-klubo, Dvorec pionirov, ul. Konstitucii 1, Krasnojarsk, RUS-660049, Rusio.

✉ !7-jara junulino korespondus kun sam'aĝuloj el Germanio kaj Hispanio pri la naturo, fotografado. Adreso: *Andrea*




*Száz,* Fehér u. 1., H-6000 Kecskemét, Hungario.

✉ 18-jara junulo serĉas plum'amikojn el la tuta mondo. Li interes'iĝas pri natursciencoj, komputiloj kaj muziko. Skribu al: *István Zólyomi,* Akadémia krt. 34., H-6000 Kecskemét, Hungario.

✉ 18-jara junulo, kiun interesas ŝako kaj literaturo volas korespondi kun ekster-landanoj. Lia adreso: *Attila Thurzó,* Mályva u. 13., H-6000 Kecskemét, Hungario.

**SOLVOJ**

***Demando humura...*** (paĝo 14): 1. sufloro; 2. laktuko; 3. mallumo; 4. mur'horloĝo; 5. eĥo; 6. kukurbo; 7. vojo ir'ata; 8. kelo; 9. akvo-melono

***Por kursgvidantoj*** (paĝo 17): g•st, pr•v, fr•t, r•nd, br•g, br•d, l•kt, kons•l / l•g, r•z, p•n, v•l, l•m, t•r, v•r, b•k, k•r, p•k, sp•r, p•g, •m, •n, r•l / m•t, l•k, s•l, b•l, p•r, b•t, l•t, m•l, tr•, r•t, •r, •l

***humuro*** (paĝo 24): A–3, B–4, C–2, Ĉ–1

**juna amiko**

Internacia Esperanto-Revuo de ILEI por lernejanoj kaj komencantoj

24-a jaro, n-ro 1 (80), 1997

Aperas 4 fojojn jare.

Redaktoro: *Géza Kurucz* (Hitel u.10.fszt.16., H-6000 Kecskemét, Hungario)

Retadreso: bjg@mail.datanet.hu

Eldonanto: ILEI, Södra Rörum 455, S-24294 Hörby, Svedio

Lingva reviziantto: *André Albault* (Francio)

Kunlaborantoj: *Lisbet* kaj *Bertil Andreasson* (Svedio), *Stefan MacGill* (Hungario), *s-ino Raita Pyhälä* (Finnlando), *s-ino Monique Noel* (Francio), *s-ino Jennifer Bishop* (Aŭstralio), *Baldur Ragnarsson* (Islando), *Josef Chvosta* (Ĉeĥio), *Brandhyl Mezini* (Albanio), *Till Dahlenburg* (Germanio), *Zoltán Kurucz* (Hungario), *Melinda Sántha* (Hungario), *Pavel Rak* (Ĉeĥio) grafikistoj

Farita en la presejo de handikapuloj en Kőbánya

Basa u. 1., H-1107 BUDAPEST, Hungario

**ISSN 0230 1314**

Kvar enigmaj[1] ŝercoj de *Bernard Golden*. Dek-jara Stultĉjo intencis rakonti ŝercojn al siaj klas'amikoj. Bedaŭrinde, li malbone parkerigis[2] ilin kaj inter'miksis la ŝerc'pintojn. Ĉu vi povus lin helpi? Ĉiu ŝerco konsistas el du partoj: el ŝerc-komenco (A-Ĉ) kaj el pintumo[3] (1-4). Provu par'igi ilin. Tio ebl'igos al vi re-krei la ŝercojn.

EN KABINETO[4]




Kuracisto demandis, kial lia paciento[5] drinkas[6] kiam li scias, ke alkoholo kaŭzas malrapidan morton. (A)

*„Certe li ne faras tion, ĉar li ĉiam parolas pri si mem."* (1)



INTELIGENTA[7] KNABINETO

Infan'ĝardenistino trovis ganton[8] en la korto kaj demandis Manjon, ĉu ĝi estas ŝia. (B)

*„Ĉar oni mortas pro ili."* (2)

BOTANIKA[9] LECIONO

„Kiel oni re-konas la venenajn[10] fungojn[11]?" demandis instruisto pri botaniko. (C)

*„Kiu volas morti rapide?"* (3)



BONA HOMO

„Mi rimarkis, ke Georgo neniam diras malbonon pri iu." (Ĉ)

*„Ne, onjo, mia perdiĝis."* (4)

humuro

1. ne-facile kompren'ebla;
2. en-kap'igi;
3. ŝerc'pinto;
4. labor'ĉambro;
5. persono, kiun san'igas kuracisto;
6. trinki multe da alkoholaĵo;
7. klera, saĝa;
8. man'vesto kontraŭ malvarmo;
9. scienco pri plantoj;
10. veneno: mort'iga aĵo;
11. post'pluva ĉapelo-hava kreskaĵo

SOLVOJ sur la paĝo 23